2.ª Ep. AÑO X N.° 56 (192) JULIO - AGOSTO 1972




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# VIGO KONGRESURBO POR 1972

"Círculo Industrial y Mercantil"

Kongresejo de la 32 Hispana Kongreso de Esperanto

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

**Hispana Esperanto-Federacio:**
Prezidanto:
**S-ro Angel Figuerola Auque**
**Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°**
**MADRID-16**

**Generala korespondado:**
Sekretario:
**S-ro Manuel Figuerola Palomo**
**Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°**
**MADRID-16**

**Monsendoj:**
Kasisto:
**S-ro Gerardo Flores Martín**
**Str. Presidente Carmona, 2**
**MADRID-20**
**Ĉekkonto: N.° 8362-271**
Banko Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
**MADRID-6**

Libroservo:
Hispana Esperanto-Federacio
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.° desp. 7
MADRID-8

**Sendaĵoj pri statistiko kaj informado al:**
**S-ro Salvador Aragay**
**Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª**
**BARCELONA-14**

**Eldona-Fako:**
**F-ino Inés Gastón**
**P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.**
**Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao**
**Coso, 31 ZARAGOZA**
**Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.**

**La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.**

## de Secretaría

DONANTES DEL **FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD** (F. A. L. P.)

| | | |
|---|---|---|
| *Saldo anterior* ... | **102.650** | **ptas.** |
| Manuel Ruiz Maza ... ... | [illegible] | " |
| Félix Gómez ... ... ... ... | **1**[illegible] | " |
| Antonio Grau Fons ... ... | [illegible] | " |
| Angel Figuerola Auque . | **1.000** | " |
| Gerardo Flores Martín . | **2.000** | " |
| Florentino Fuentes ... ... | **500** | " |
| José M.ª González Aboín. | **25.000** | " |
| Víctor Ortiz Gratal ... ... | [illegible] | " |
| Jesús Gascón ... ... ... ... | [illegible] | " |
| Rafael Herrero ... ... ... | [illegible] | " |
| José López Plazas ... ... | [illegible] | " |
| Guillermo Bosch . ... ... | [illegible] | " |
| Grupo Esperanto Valencia ... ... ... ... ... ... .. | **500** | " |
| Un grupo de esperantistas valencianos ... ... | **2.500** | " |
| | 139.000 | " |

**Madrid, 20 de junio de 1972.**
***Manuel Figuerola Palomo***
**Secretario de la Federación Española de Esperanto**

## deziras korespondi

HISPANUJO. — **Málaga, Miraflores de los Angeles, bloko 19-A, 4.°, Fernando Prieto León, studento 15 jaraĝa deziras korespondi kun samaĝaj eksterlandaj esperantistoj.**

## Mendu jam:

**Belajn poŝtkartojn de la 32ª Hispana Kongreso de Esperanto, unuo ... ... ... ... ... ... 3 ptoj.**

**Folietojn de glumarkoj de la 32ª Hispana Kongreso de Esperanto, unuo ... ... ... 3 ptoj.**

**Kovertojn de la 32ª Hispana Kongreso de Esperanto, unuo ... ... ... ... ... ... ... 3 ptoj.**

**Estas ankaŭ haveblaj kovertoj kun desegno reliefigita.**

**Prezo ne indikita.**

# KION FARI POR LA ESPERANTA LITERATURO

de Kolomano Kalocsay

Multe oni meditas nuntempe pri la sorto de la Esperanta literaturo; tio montras, ke por tio ekzistas kaŭzo malkontentiga. UEA eĉ estigis komisionon por la studo kaj solvo de la ĉi-rilataj problemoj; laste V. Benczik artikolis en "Hungara Vivo" kaj provis trovi balzamon por la vundoj de la E-aj muzoj. Li skribas, ke la esperantistoj estas fieraj, eble tro fieraj pri sia literaturo.

Tamen, ĉu vere oni povas ĉi tion aserti decide? Pri kio oni estas fiera, tion oni subtenas kaj vartas, t. e., se temas pri literaturo, oni ĝin aĉetas kaj legas. Sed la meza eldonnombro de E-aj libroj estas 1000, kaj tio ne nombras tumulton da aĉetemuloj. Kaj en "Esperanto" de UEA mi legis foje leteron de leganto, kiu rekte indignis pri tio, ke oni volas trudi al li la devon legi E-ajn literaturaĵojn (kaj eĉ elspezi por ili monon!); lia protesto havis la forton de tia konsterniĝo, kiun povas senti senkulpulo kondamnita je ĝismorta punlaboro. Kaj vane mi atendis —neniu lin poste kontraŭ indignis. Alifoje la demando estis metita jene: kio pli necesas nuntempe, ĉu Mona Lisa aŭ pano, t. e. ĉu ni flegu la beletron aŭ ni servu al la reala vivo per teknika-scienca literaturo. La konkludo estis, ke ni ne rezignu pri Mona Lisa, sed por kelka tempo ni ĝin pendigu iom flanke. Stranga ero estas, kion oni pendigis iom flanke.

Sed kion ni pendigu do ĉefloke? Ĉu teknikajn-sciencajn librojn? En kiom da ekzempleroj? Ili parolas ja nur al eta parto de la esperantistaro (ĉiu faklibro al la respektivaj fakuloj), do neniel ili povos trovi eĉ frakcieton de la aĉetantaro de l' beletro, parolanta al ĉiu, almenaŭ teorie. Krome, la sciencoj pli kaj pli disfakiĝas kaj la rapidega evoluo baldaŭ arkaikigas la faklibrojn. Kiel la E-a libroeldono povus fari tiun vetkuron kun la tempo? La beletro almenaŭ estas pli malpli temporezista. Do, se ni deprenos de la ĉefloko nian "Mona Lisa", mi timas, ke sur ĝia loko restos nur malplena muro.

Vole-nevole, ni devas rigardi la literaturon kiel ĉefan eldonotaĵon, se entute ni volas, ke io estu eldonata. Kaj ni devas tion voli, ĉar ĉesigo de libroeldono estus fatala por Esperanto. En 1895 certa sinjoro en letero skribita al "La Esperantisto" pridubis la bezonon de la "Biblioteko", kiu estis serio de libroj kun literatura enhavo. Zamenhof tiam respondis (O. V. p. 202 k. c.): *"Floros la Biblioteko, floros ĉio, falos la Biblioteko, falos ĉio"*. Kaj li emfazis, kiel favoran efikon li spertis de sia traduko de Hamleto, kiel ĝi donis al la movado novan energion, helpis unuigi la disopiniantojn. Mi opinias ke la Zamenhofa devizo ankaŭ nun estas valida: *Floros la literaturo, floros ĉio, falos la literaturo, falos ĉio.*

Sed kiel trovi la eblaĵojn por tiu florado?

Unue, ni devas konscii, ke la ekziston de literatura eldonado ni povas certigi nur per la konsiderinda pligrandigo de la eldonkvantoj. La nuna mizera malmult-ekzemplereco kaŭzas:

ke la libroj estas multekostaj, sekve nesufiĉe aĉetataj, sekve ne eldoneblaj pli mult-ekzemplere - tipo de "peka cirklo";

ke la eldonejoj ne povas pagi honorarion, tial talentuloj, se ili volas vivi per sia literatura laboro, verkas, eĉ devas verki nacilingve.

Evidente, ni devas serĉi do la kaŭzojn de la mizera lingvo-debito en E-o kaj la rimedojn kontraŭ tiuj kaŭzoj. La ĉefrimedon jam nomis V. Benczik en sia artikolo: ĝi estas *"organizo"*. Sed liaj proponoj pri organizo ŝajnas al mi ne sufiĉe vastaj; mi nun volas starigi kiel eble vastan programon, kies plenumo koncernus ĉiujn niajn lingvajn kaj movadajn instituciojn.

Ni vidu do unuope la kaŭzojn kaj rimedojn.

1. La E-aj eldonejoj ne tre scias, kiajn legaĵojn deziras la E-a publiko. Oni devas do fari *"merkatesploron tute larĝan"*, do anstataŭ la 80 personoj, kiujn demandis la komisiono de UEA, demandi plurajn milojn. Tion, kompreneble, ne povus fari la komisiono mem, sed ĝi devus peti la helpon de la naciaj societoj. Ĉi tiuj, siavice, pridemandu siajn membrojn, kiujn librojn ili legus volonte en E-o. La aferon oni plifaciligus tiel, ke oni unue farus liston pri la libroj (eble 20-30-50) kaj poste oni kvazaŭ voĉdonigus la esperantistojn, kiuj ankaŭ povus aldoni sian proponon. La libroliston oni povus kunmeti el titoloj, kiuj atendas la eldonon ĉe eldonejoj kaj el famaj, furoraj titoloj. Siatempe ankaŭ la eldonejo Literatura Mondo faris tian voĉdonigon inter siaj klientoj. Ĉi tiu tuta procedo havus ankaŭ la utilon, ke estiĝus kelka bruo pri la literaturo en E-ujo, kaj per tio la atento estus vekita pri ties graveco.

2. Multaj homoj volonte aĉetas libron ekvidatan en montrofenestro aŭ ŝovitan sub ilian nazon, sed estas tro komfortaj mendi la libron aŭ serĉi ĝin, post kiam ili elserĉis, kie ĝin serĉi. Jen unu el la malsan-kaŭzoj: *"manko de taŭga kolportado"*. Oni devas do organizi la vendadon de la libroj: en ĉiu urbo kaj en ĉiu grupo devas troviĝi "libro-delegito" aŭ *"libro-responsulo"* okupiĝanta pri la prezentado, antaŭ-nazon-ŝovado kaj vendado de libroj E-aj. Por ke li havu por tio emon, oni devas apliki la "fenican inventaĵon": li ricevu procentaĵon laŭ la venditaj libroj.

La manko de kolporta lerto plej bone montras, ke *"la kongresoj"* tute ne estas bone fruktuzataj por librovendado. Ne sufiĉas unu stando, plurfoje lokita apenaŭ troveble, sed oni devas tie la librojn propagandi per la forto de la viva voĉo, eble inter la kadroj de humura vespero aŭ danckanta festivalo aŭ elekto de belreĝino ktp. (oni ne estu tro elektemaj en la rimedoj).

3. *"Mankas favora etoso por la libroj"*, se ne diri, ke por la literoj entute. Mi jam aŭdis aŭ legis: "Kial mi legu novelojn aŭ poemojn en E-o, kiam ankaŭ en mia gepatra lingvo mi ne legas tiaĵojn?" Lerta "libro-delegito" povus konvinki tian homon, ke dank' al E-o li povos do havi tiajn plezurojn, kiajn alie neniam li akirus. Emfazi la gravecon de la literaturo, veki pri ĝi intereson oni devus en la E-aj grupoj kaj gazetoj.

a) *"La grupoj"* ofte ne scias fari por si programon en la klubvesperoj. Nu oni povus tie interese *"konigi librojn"* kaj tuj *"vendi"* ilin al la interesiĝantoj. Se temas pri poem-libro, oni povus fari prelegon pri iu poemo kun la titolo: "Kial ĝi estas bela?". La Hungara Radio havis tian programeron tre ŝatatan kaj post ties dissendo tuj kreskis la debito de la poemlibro, entenanta la pritraktitan poemon. La naciaj societoj devus fari komisionon, eĉ konstantan komitaton el inteligentaj literatoroj, kiuj ellaborus por la grupoj interesajn programojn, tiajn, kiuj povas altiri la anojn. La plej sukcesajn el tiuj programpreskriboj oni devus interŝanĝi internacie, do fari ilin internaciaj klubvivigiloj; tiun interŝanĝon povus aranĝi la komisiono de UEA. Fine la literaturo povus ankaŭ "aktivigi" la klubanojn: ili devus deklami poemojn, reciti prozon, ludi unuaktaĵon (ekz-e de Baghy aŭ de Marjorie Boulton). Nenifaraj, krokodilantaj klubanoj baldaŭ ĉesas viziti la klubejon, la aktivigitaj, male, persistas. En la iama "Rondo de Baghy" la rondanoj sopire atendis la tempon de la proksima kunveno; ties sekreto estis, ke li sciis "aktivigi" la anojn.

b) La E-ajn *"gazetojn"* oni devus peti, ke ili okupiĝu pli multe pri la E-aj libroj. La anemiaj recenzoj, kiuj aperadas kun pedantaj riproĉoj kaj ŝablonaj laŭdvortoj, ne multe utilas, ĉar ili ne vekas la intereson de la leganto kaj misagordas la aŭtoron. Tiom pli, ke la kompatinda novelisto aŭ poeto devas kontenti je tiu magra nutro: plu neniam lia verkaĵo estos menciata kaj lia vivoverko mortos kune kun li. Kiu ja pritraktas la verkaĵojn de Hohlov, Emba, Adamson, Newell kaj aliaj? Oni devus fari regulon, ke la gazetoj dediĉu lokon proporcian al sia amplekso, por literaturaj studoj kaj eseoj (studetoj, eseetoj). Tio utilus ankaŭ la gazetojn mem, kiuj me malofte estas dezerte seninteresaj.

4. Grava kaŭzo de la plorinda libro-debito estas, ke *"la nivelo de la lingvoscio"* inter la esperantistoj *"estas malalta"*. Parte la lingv-instruistoj kulpas

pri tio: ili tiom emfazas la eksterordinaran facilecon de la lingvo, ke iliaj lernantoj kredas, ke per la kurso ili jam lernis ĝin perfekte, kaj kiam ili, komencante legi, ne komprenas ion, ili seniluziiĝas kaj dizertas. Tial la plej grava tasko estas, kiel Kabe diris siatempe, ke "*la esperantistoj lernu Esperanton*". Krom la perfektigaj kursoj, oni devus uzi por tio ankaŭ la grupkunvenojn, por ke ili fariĝu lingvo-lernejoj, "altaj skoloj" de la lingvo. Por tio oni devas ellabori tiajn metodojn de lingva perfektigado, kiuj estas ne nur efikaj, sed ankaŭ "*amuzaj, altirantaj la membrojn*". Mi pensas pri verkoj kiel "Paŝoj al Plena Posedo" de W. Auld. Oni devas kunmeti similajn por diversaj bezonoj. La grupon povas kunteni nur simpatiaj, sugestiaj, lertaj gvidantoj kaj tiaj ne kreskas en ĉiu bedo, nek en ĉiu urbo; tamen, certagrade ili estas kompenseblaj ankaŭ per malpli taŭgaj, se ĉi tiuj havas je sia dispono "*bonan materialon kaj lertan metodon*": ĉi tiujn do oni devas krei kaj nacie kaj internacie. Oni povus fari en la kluboj ankaŭ komunan legaĵon de "malfacilaj" verkoj (ekz-e: La Infana Raso, Sinjoro Tadeo, Shakespeare, Baudelaire, Heine-tradukoj, elektitaj originalaj poemoj ktp.) kaj klarigi komune la lokojn, kiujn ne ĉiuj komprenis. Tiel ankaŭ la kelkaj centoj da neologismoj, kiuj en la lastaj 40 jaroj "inundis" la lingvon, ĉesus esti timigiloj; ilin lernus eĉ la recenzistoj de la gazetoj (certa recenzisto en 1969 riproĉis japanan aŭtoron pro la "invento" de la "nova" sufikso "eska", kvankam ĉi tiu sufikso jam troviĝas en Suplemento de P. V., aperinta en 1953). Eble aliaj kapoj fulmos ankaŭ aliajn rimedojn por la florigo, vigligo kaj utiligo de la grupkunvenoj; estus bonege, se la kolektiva kaj eĉ internacia saĝo produktus multe pli ol mia povra unuopa cerbo.

Multajn aliajn rimedojn oni povus, fakte, ankoraŭ trovi por la pligrandigo de la debito kaj ebligo de libroeldono. Pro spaco-manko mi sole mencias kelkajn: persvadi "*publikajn bibliotekojn*", ke ili aĉetu por si ĉiujn valorajn librojn E-ajn; "*akiri mecenatojn, kiuj helpus eldoni librojn multekzemplere kaj malmultekoste; akiri subtenon de ŝtato por eldono de reprezentaj verkoj naciaj*" (ekz-e de "Brand" de Ibsen en la brita traduko de Haugen); "*varbi grandkapitalan entreprenon por eldono de E-aj libroj*" (ni pensu pri la grandega utilo, kiun siatempe "Hachette" donis al ni per la eldono de verkoj Zamenhofaj kaj Kabeaj kaj aliaj). Ktp. ktp. - ni uzu nian kolektivan saĝon!

Kompreneble, ĉio ĉi estas nur pia deziro, se oni ĝin legos konsente, kun aprobaj kapbalancoj. Sed se ĝi povos efiki al unu aŭ kelkaj aŭ pluraj komenci ion en la direktoj montritaj, aŭ eble en direktoj aliaj kaj multe pli bonaj, tiam ĝi ne estis vane elŝvitita.

El "Hungara vivo", n-ro 3/1971.

---

## FUNDACION ESPERANTO

Las personas interesadas en conocer el funcionamiento de la Fundación ESPERANTO, pueden ponerse en contacto conmigo durante el Congreso a celebrar en Vigo, en la seguridad, de que con mucho gusto les informaré acerca del funcionamiento de la Fundación y sus posibilidades.

Dos nuevos donativos se han recibido en esta secretaría: Rafael Blanes, de Alcoy, 100 pesetas. J. Muiño, de Barcelona, 100 pesetas, que sumadas a las 500 pesetas recibidas anteriormente hacen un total de 700 pesetas.

*Inés Gastón*
Secretaria de la
**Fundación ESPERANTO**

# PRI LA HISPANAFRANCA RENKONTIĜO EN PAU

Kian en la monato julio de 1970 okazis en Jaca (Hispanujo) la dua hispanafranca renkontiĝo, la hispanaj organizantoj estis tre elrevigitaj vidi tiel malmultajn translimajn amikojn. Neniu el la partoprenantoj la unuan renkontiĝon en Perpignan ĉeestis, kaj se ne venus kelkaj izoluloj de la regiono de Pau, de Epernay kaj de Triel-sur-Seine al kiuj almetiĝis 2 Angloj kaj 2 Usonanoj hazarde libertempantaj en Hispanujo, la tiel nomata Francahispana renkontiĝo tute malsukcesus pro manko de alilandanoj.

Tamen, tiel vere estas ke, eĉ parolante kaj agante por kelkaj raraj personoj, oni ne perdas tempon, ke tiu klopodo tute ne malutilis. La francaj izoluloj venis el Oloron Ste-Marie kaj Pau. Forte imponitaj de siaj unuaj interparoloj sen la katenoj de la naturaj lingvoj ili decidis starigi la grupon "Esperanto Pau-Adour" kaj iri antaŭen.

Inter aliaj komencaj sukcesoj, krom la renkontiĝo (la tria el la vico) kiu okazis en 1971 apud la landlimo en "La Pierre St-Martin", kune organizata de la grupoj de Zaragoza kaj Pau, la grupo decidis nunjare inviti al Pau la hispanajn amikojn. Dank' al S-ro Decobert kiu klopode manprenis la respondecon de la afero, la kvara renkontiĝo ĵus okazis en Pau la 13-an kaj la 14-an de majo. 26 Hispanoj alvenis sabaton je la 14-a, ĝojaj malgraŭ la pluvo kiu preskaŭ ne ĉesis dum la du tagoj. Al ili kuniĝis iomete pli ol 30 Francoj (5 el Toulouse, 2 el Ĉarento, 5 el Bordeaux, aŭ el ĝiaj ĉirkaŭaĵoj kaj la aliaj el la regiono de Pau). Eble la Francoj estus estintaj pli multaj se la anonco estus aperinta en "Franca Esperantisto"; bedaŭrinde pro tro malfrua sendo ĝi ne alvenis ĝustatempe Bonvolu la samideanoj eskuzi tiun mankon de sperto.

Ni tagmanĝis je la hispana horo; la posttagmezo ne havis fiksitan programon. Grupoj disiĝis en aŭ ĉirkaŭ la urbo. Memorinde estas ke unu grupo iris doni sangon en la hospitalon, kio estis fotita kaj aperinta la lundon en gazeto. Ŝajnas al mi ke tiu simbola ago de diversaj naciuloj tute taŭgas al la interna ideo de Esperanto kaj konvenas por atentigi la homojn pri niaj celoj. Vespere la junaj iris danci kaj la aliaj dormi.

Dimanĉe matene la renkontiĝantoj estis atenditaj en la urbodomo de Pau por esti akceptitaj de la urba estraro. La reprezentanto de la urbestro antaŭ la tuta ĉeestantaro, al kiu kuniĝis kelkaj gazetistoj, bonvenigis nin kaj diris sian deziron vidi la ideon pri esperanto kaj paco pligrandiĝi. Tion respondis la subskribinto, parolante en Esperanto dum la Prezidanto de la Sud-Okcidenta Federacio po frazo-partoj tradukis:



Lia Urbestra Moŝto de Pau bonvenigas la kunvenantojn.

"Sinjoro Reprezentanto de la Urbestro, se vi permesos al mi, mi parolos esperante, kaj mia amiko S-ro Laurent tradukos.

Ni dankas vin pro via varma akcepto, viaj bondeziroj kaj viaj akceptemaj paroloj. Bedaŭrinde preskaŭ la duono de tiuj personoj ne komprenis vin ĉar ili ne parolas la francan lingvon. Tio certe ne estas riproĉo sed nura fakta konstato.

Vi vidas ĉi tie proksimume 25 hispanajn amikojn kaj 25 francajn. Tiu egaleco pri la nombro, kaŭzita de la hazardo, simbolas laŭ mia opinio pli veran egalecon. Kiam ni parolas kune, neniu el ni estas denaske pli alta, neniu estas la profesoro, dum la fremda ami-



ko estus la studento. Tiu malegaleco estus tamen tolerebla en kunveno kien venas nur la volantoj sed ĝi estus tute netolerebla se hispanoj estus devigitaj lerni la francan lingvon por siaj propraj internaciaj aferoj, aŭ se Francoj estus devigitaj lerni hispanan lingvon. Kiam fremdlandano devas paroli ekzemple angle aŭ france, li ne estas kontenta ĉefe pro du kaŭzoj: Unue ĉar li estas ĝenata kvankam li lernis dum jaroj kaj jaroj. Due, kaj tio estas la ĉefa kaŭzo, ĉar li amas sian gepatran lingvon kiel la pli belan, same kiel ni, Francoj, konsideras la francan lingvon kiel la pli belan, kaj li suferas ĉar lia gepatra lingvo devas cedi la paŝon antaŭ alia nacia lingvo. Tio estas des pli granda eraro ĉar Esperanto estas dekfoje pli facile lernebla ol kiu ajn alia lingvo.

Do vi vidas ke vi donas vian apogon nek al utopia ideo nek al neutila. Tiuj kvindek amikoj estas ĉi tie, veninte el ambaŭ flankoj de la Pirenea montaro por diri ĝin al vi. Kaj ili estas deciditaj labori senĉese pli kaj pli. Kaj ili kalkulas je vi por esti apogataj, morgaŭ ankoraŭ pli ol hodiaŭ. Antaŭe dankon.

Post tio Fraŭlino Gastón donis leteron en la nomo de la urbestro de Zaragoza (la du urboj estas ĝemeligitaj) kaj ĉiu levis sian glason je la prospero de Esperanto.

Elirinte el la urbodomo ni iris inter du pluvegoj ĉirkaŭiri la kastelon, gvidis la rondiron kaj komentis la viziton S-ro Lalanne. Poste veture ni iris al la industria komplekso Lacq kaj fine la vojo kondukis nin al la bele lokita restoracio "Panorama" kies veron pri la nomo ni ne povis kontroli ĉar ni vidis nur nubojn. Sed la manĝaĵo kaj la varma etoso konsolis nin. Por eviti krokodilaĵojn ĉiu dua glaso staris kaponmalsupre tiucele ke ĉiu Hispano sidiĝu antaŭ normale staranta glaso kaj ĉiu Franco antaŭ glaso inversigita. Post tiu mikso oni aŭdis pli da Esperanto.

Ĵus metinte la kafon en la stomako, ni eliris por alveturi al Accous, ĉarma vilaĝo de la "Aspa Valo" je 60 km de Pau sur la vojo al la landlimo. Tie folkloraj ĉarmaj gekantistoj, viglaj dancistoj kaj ravaj dancistinoj atendis nin por admirigi al ni siajn talentojn antaŭ la tuta vilaĝanaro. Nia forta aplaŭdo multe superis la bruon de la pluvo sur la tegmento, precipe kiam ili finis kantante en Esperanto "Malnova lignodomo" kaj "Kanto de l' revido".

Poste la hispana aŭtobuso, kiu aperigis sur sia postaĵo grandan afiŝon kun "ESPERANTO", elkondukis niajn amikojn al la proksima landlimo dum ni revenis hejmen, ne tro malkontentaj pri tiu unua organizaĵo. De tiam, en unu semajno, en la ĵurnalo "La République", la plej legata en nia regiono, aperis kvar fotoj kun tri komentoj disigitaj kaj ankaŭ artikolo titolita "L' esperanto cet inconnu".

Antaŭ ol fini mi estas ĝoja anonci ke la kvina hispanafranca renkontiĝo estas jam antaŭvidita. La loko kaj la dato ne estas certaj; tamen la nomo Bilbao (je 140 km de la landlima urbo Hendaye) kaj la dato 29-a de junio (feria vendredo en Hispanujo) 30-a de junio kaj 1-a de julio 1973 estas antaŭigitaj. Opiniantoj pri la elekto de tiuj loko kaj dato skribu al F-ino Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA (Hispanujo).

*J. Seurin*
Prezidanto de la grupo "Esperanto Pau-Adour"

# EKSKURSO AL PAU, OKAZE DE LA IVª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La IVª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazinta en Pau (Francujo), la 13-an kaj 14-an de majo ĉijara, estis vere sukcesa laŭ entuziasmo, organizo kaj efiko.

La 13-an, frumatene, la esperantistoj de Zaragoza ekveturis al Pau per komforta aŭtobuso. Longa veturado sur serpentuma ŝoseo prezentis al ni la varian bildaron de nia geografio. Vastaj kampoj, starantaj ŝtonegoj "Los Mallos", kiuj al ni parolas pri pratempa historio; akvo-rezervujo "La Peña", elmontro de progreso kaj civilizo; verdaj arbaroj kaj... la Pireneaj Montoj kovritaj de neĝo.

Tra Somport ni eniris en la Valon d' Aspe, konata de ĉiu sed por ĉiu nova; la impona kaj samtempe serena beleco de la pejzaĝo, sub la pluvo impresis nin. Urdos, Etsaut, Eygun, Accous... Oloron, kaj fine Pau, ĉefurbo de l' Bearn, celo de nia longa veturado, kien ni alvenis je la 2-a posttagmeze.

En "Hotel du Commerce" akceptis nin, niaj francaj geamikoj kaj S-ro Otaola de Bilbao, kiu alvenis matene. Renkontiĝo de amikoj, persona kontiĝo kun aliaj malproksimuloj... Tiumomento de amikaj salutoj estas unu el la plej plaĉaj programeroj de tiuj kunvenoj; eble la plej homa, la lingva egaleco sentigas nin fratoj, kaj la ĝojo de la renkonto forgesigas al ni la pluvon, kiu akompanis nin dum la veturado, kaj kiu bedaŭrinde ne ĉesis dum la du tagoj.

Tuj sekve, ni iris en la manĝoĉambron por la komuna frata tagmanĝo. S-ro Seurin, Prezidanto de la Grupo "Esperanto Pau-Adour" bonvenigis la kunvenantojn. Post la tagmanĝo, malgraŭ la pluvo, neniu restis en la hotelo.

La programo preparita de niaj samideanoj celis la diskonigon de Esperanto per la praktiko, en plej diversaj medioj kaj ili plene sukcesis. Ĉie ni trovis ĵurnalistojn dezirantajn konstati ĉu ni bone interkompreniĝas, kaj kiuj informis la publikon pri la diversaj programeroj.

Mi apartenis al la grupo kiu iris en la hospitalon por simbola sangdonado. Poste, ni vizitis la Telefonejon, kie oni klarigis al ni la funkciadon de la tuta ilaro. Ja interesa estis tiu vizito.



Ĵus alveninte al Pau, francaj kaj hispanaj esperantistoj tagmanĝas kaj babilas



**En la Urbodomo, parto de la prezidantaro komentas pri Esperanto**

La Oficiala Akcepto en la Urbodomo estis tre agrabla. Ĝi okazis en la impona salonego, kie ni povis admiri belegan portreton de la Reĝo Henriko la IVa.

Mi kunportis leteron de la Urbestro de Zaragoza por la Urbestro de Pau; per ĝi nia Urbestro prezentis nin al sia franca kolego.

La reprezentanto de la Urbestro salutis per afablaj vortoj, senkulpigis lin, kiu ne povis ĉeesti, kaj bonvenigis la ĉeestantojn. Li emfazis la eblecojn de la internacia lingvo Esperanto, kiu faciligas la interrilatojn inter la homoj, laborantaj por starigi la universalan pacon. Li estis feliĉa konstati kiel la interparolado inter malsamlingvanoj estas kompleta kaj facila. Salutante speciale la hispanojn li rememorigis ke la urboj Pau kaj Zaragoza estas jam ĝemeligitaj kaj iliaj kontaktoj ĉiam estas ege afablaj kaj kuraĝigaj.

Invitinte la ĉeestantojn trinki, li mem trinkis je la progresado de nia internacia lingvo, kaj je la varma amikeco de la franca kaj hispana popoloj.

S-ro Seurin en la nomo de ĉiuj respondis esperantlingve por ke la hispanoj komprenu, kaj S-ro Laurent, Prezidanto de la Sud-Okcidenta Franca Esperanto-Federacio tradukis franclingve por la urba konsilantaro.

Post la akcepto en la Urbodomo, ni vizitis la kastelon kie naskiĝis la Reĝo Henriko la IVa; gvidis nin S-ro Lalanne, kiu komentis la viziton kaj donacis al ni belan kaj interesan broŝuron: Pau Capital, kies aŭtoro li estas, kun resuma traduko al Esperanto.

Kvankam ni veturis ĝis la industria komplekso Lacq, ni devis rezigni la viziton pro la pluvego, kaj daŭrigi la veturon ĝis la bele lokita restoracio "Panorama", kie ni tagmanĝis. Feliĉe, la gajeco superis la pluvegon, kaj bona humoro ĉie regis. Je la fino de la manĝo, S-rino Clarianas surprizis nin per jena kanto de ĥoto:

El Hispanujo ni venis
Por renkonti geamikojn
En Hispanuj' ni atendos
Reciprokon de vizito.

Varma aplaŭdado premiis ŝian intervenon.

Mi, kiel prezidantino de Hispana Turisma Esperanto-Sekcio, interkonsente kun S-ro Otaola invitis por okazigi venontjare la V-an Franca-Hispanan Esperantistan Renkontiĝon en Bilbao. Pri la dato, principe ni indikis la 29-an kaj 30-an de junio kaj la 1-an de julio 1973. Same la nomon de la urbo kiel la daton ĉiuj akceptis.

Tuj poste, ni ĉiuj plu veturis ĝis Accous en la Valo d' Aspe, kie devis okazi la fina parto de la programo. Tie ni estis akceptitaj de la Urbestroj de Accous kaj Osse, S-roj Larensou kaj Langlatte respektive, kaj de la tuta loĝantaro.



Francaj kaj hispana esperantistoj 'etaj por daŭrigi la veturadon ĝis :cous.

Alveninte al la Urba Festodomo de Accous folkloraj trupoj Bielle kaj Accous regalis nin per folklora prezentado. La beleco de la folkloro de tiu Pirenea valo tuj kaptis nian animon, kaj ni ne sciis kion pli admiri, ĉu la ĉarmon de la dancoj aŭ la ravajn sonojn de la kantoj. Por la fino ili kantis en Esperanto du belajn kanzonojn: "Malnova ligno-dom'!" kaj "Kanto de l' revido". Ambaŭ estis premiitaj per tondra aplaŭdado.

Aparte mi deziras gratuli al Sinjorino Hourcaut, kiu gvidis la folklorajn dancojn el Bielle kaj al Sinjoro Luis Lacoste, kiu gvidis la kantojn en Esperanto.

Por ambaŭ koran dankon.

La tempo rapide pasis kaj kun bedaŭro ni devis pensi pri la disiĝo. En Accous oni informis nin ke en Somport abunde neĝas kaj estos jam nokte kiam ni tien alvenos.

Denove invitite de la Urbestroj ni trinkis levante niajn glasojn por la triumfo de Esperanto kaj nia kreskanta amikeco. Kaj, fine alvenis la momento de la adiaŭo, sed la vorto "adiaŭ" ne apartenas al nia vortaro; unuanime ni ŝanĝis ĝin al tiu simpla frazo:

Ĝis revido en BILBAO!

*Inés Gastón*

---




## LA ESPERANTISTOJ DE TENERIFO HONORIGITAJ DE LA URBESTRO DE LA LAGUNA



**Flortapiŝo aranĝita de la Esperantista Societo de Tenerifo por la Korpo-Krista Festo de La Laguna, okazinta je 1.6.72**

La Esperantista Societo de Tenerifo, sidanta en la episkopa urbo La Laguna, sur strato, tra kiu ĉiujare procesias la Korpo de Jesu-Kristo, denove ricevis inviton de la Urbestro aranĝi flortapiŝon, antaŭ la sidejo, por la tago, kiam la Katolika Eklezio celebras tiun sian gravan eŭkaristian feston, kiu ĉi-jare estis la 1.ª de junio.



**Gemembroj de la Esperantista Societo de Tenerifo pretigas flortapiŝon surstratan por la Korpo-Krista Festo de 1972 en La Laguna.**

Kiel ĉiujn antaŭajn, la ĉi jaran skizon por la tapiŝo verkis S-ro Antonio Ferrer Hervás, licea profesoro pri desegnarto, kiu dum la antaŭlasta deĵorperiodo estis ankaŭ Prezidanto de la Societo. La ĉi-jara tapiŝo ricevis multajn laŭdojn, kaj poste Honoran Diplomon, kiun la Urbestro mem enmanigis al la nuna Prezidanto de la Societo, S-ro Antonio Suárez Rodríguez, dum speciala akcepto en la Urbodomo. Por la unua fojo la Esperantista Societo de Tenerifo ricevas tian apartan distingon.

Jen bildo de la flortapiŝo, kiu estis larĝa de unu al alia trotuaro. Bedaŭrinde ne estas apreceblaj la koloroj nek la efekto de la kolorkombinoj. Por iel doni impreson pri la dimensioj de la tapiŝo, jen alia bildo, kiu montras gemembrojn de la Esperantista Societo de Tenerifo formantajn la florteksaĵon. La fotojn faris la nuna prezidanto de la Societo, S-ro Suárez.

J. R. P.

## CERTAMEN LITERARIO

Como se anunciaba en las "Bases del Certamen", ha sido dado a conocer el fallo del mismo en una fiesta pública organizada por la Sociedad Cultural LA TOSCA de Moyá (Barcelona).

Dos esperantistas han sido premiados en este Certamen:

Don Gabriel Mora y Arana, quien alcanzó el primer premio a un TEMA MOYANES; premio otorgado por el Excmo. Ayuntamiento de Moyá.

Y, don Pedro Nuez, de Barcelona, quien obtuvo el premio correspondiente al TEMA "EN LOS TIEMPOS ACTUALES NECESIDAD DE UN IDIOMA INTERNACIONAL", premio otorgado por el Esperanto-Grupo de Moyá, entidad colaboradora en la organización del Certamen.

El trabajo presentado por el Sr. Nuez, ha sido un interesante estudio bajo el título: JUSTICIA IDIOMATICA.

Para este tema, se recibieron 10 trabajos, todos ellos interesantes y de buen estilo lingüístico.

Enhorabuena para nuestros dos compañeros y amigos.





*SOR JUANA INÉS DE LA CRUZ, virino de facila kaj nobla sprito, de tre delikata gusto kaj sentemo, naskiĝis en 1651 en Meksikio, kie ŝi mortis en 1695. Ŝia talento diskoniĝis tre baldaŭ. La morto de ŝia fianĉo kondukis ŝin iĝi monaĥino. Oni ŝin admiris pro ŝia scio, modesto kaj kristana pietato, tiel, ke eĉ la vicreĝo, la ĉefepiskopo kaj aliaj famuloj de la lando, tiam apartenanta al la hispana krono, konsultis ŝin pri gravaj aferoj.*

*Ŝi estis eble la ĉefa reprezentanto de la beletra baroko de Indioj kaj en ŝia poezio troviĝas elementoj de skolastiko, de muziko kaj matematiko, de tiu subtilega analiza psikologio propra al la jezuita teologio de la epoko.*

*En sia suba, fama poemo, Inés de la Cruz (kiu eble solidariĝus kun la Virinliberiga Movado, se ŝi vivus en nia tempo) prave ribelemas, en la eterna lukto inter la seksoj, kontraŭ la arbitre privilegia rolo de la viroj en la tiama socio kaj kontraŭ iliaj absurdaj pretendoj rilate la konduton de la virinoj.*

*Evidentas, ke la poemo de Inés de la Cruz same validas por nia epoko, ĉar ne malmultaj viroj pensas ankoraŭ kiel la "stultaj", kiujn tiel sprite kaj akre kritikis la meksikia monaĥino.*

## STULTAJ VIROJ

Stultaj viroj, vi kritikas
la virinon senmotive,
ĉar al peko efektive
vi mem daŭre ŝin instigas.

Se delogojn vi ne ŝparas
per flatado dolĉasona,
kial vi ŝin volas bona,
se vi ŝin malbona faras?

Pro vi lasas ŝin prudento,
sed kun grava ŝvel-parolo
vi aljuĝas al frivolo
kion kaŭzas diligento.

Klopodaĉi vi kutimas,
similante etan knabon,
kiu faris monstran kapon
kaj ĉe ĝi li poste timas.

Volas vi kun stulto vanta
trovi en virino sama
Lukrecian pasi-ama
kaj Taisan necedanta.

Ĉu ne strangaj vi aperas?
Vi alblovas sur spegulon,
ĝis ĝi montras spir-makulon...
kaj ĉe tio vi koleras.

Via vir-natur' mizeras
ĉiuflanke, ĉar vi uzas
plendon, se ŝi vin rifuzas,
mokon, se vi ŝin konkeras.

Ŝi nur pri malbono famas:
ŝi frivolas, se ŝi cedas;
se ŝi firmas, ŝi tro tedas.
Eĉ la plej diskreta lamas.

Via stulta mezurilo
tenas ŝin sur ĉi nivelo:
aŭ ŝi kulpas pri kruelo,
aŭ ŝi kulpas pri facilo.

Kia devas esti damo,
kiam viron ŝi pretendas,
se per virto ŝi ofendas,
kaj se tedas ŝi per amo?

Plendon, mokon vi aspiras,
kaj se vi, do tiel blindas,
vin ignori preferindas:
plendu vi, se vi deziras.

Vi ŝin urĝas al la lasta
peko de la vivo flirta
kaj, farinte ŝin malvirta,
vi deziras ŝin tre ĉasta.

Kiu estas pli kulpanta
en nedeca am-rilato:
ŝi cedante al la flato,
aŭ li pro kaĵol' konstanta?

Kiu, inter du kulpuloj,
riproĉindas per admono:
pekantino por la mono,
aŭ paganto por plezuroj?

Ĉu konsternas vin profunde,
ke sur vin la kulpo falas?
Amu ŝin, kia vi ŝin faras,
aŭ remuldu ŝin ĝisfunde.

Ne vin helpu per kaĵolo
kaj, se damo vin invitus,
tiam prave ŝi meritus
la akuzon pri frivolo.

Vi pavaĉas, fanfarono,
ĉar vin helpas forta ligo
por la tento kaj instigo:
mondo, karno kaj demono.

Elhispanigis
*F. de Diego*



## NOTICIA IMPORTANTE

Una vez más la Dirección General de Correos ha concedido matasellos especial con motivo de la celebración en Vigo del 32 Congreso Español de Esperanto.

Con este motivo, al igual que en años anteriores, se han editado también sobres conmemorativos.

## SEDE DEL CONGRESO

La sede del Congreso estará instalada en el Círculo Recreativo, Mercantil e Industrial, en calle del Príncipe, núm. 44, VIGO.

## VIGO KAJ ĜIA FOLKLORO

En la nekomparebla parko Quiñones de León ni povos admiri la belan kaj varian galegan folkloron.

Galegujo; milda kaj malseka regiono, kie la tipa muzikilo estas la "gaita", memorigas keltan parencecon. Sed, se oni vidas danci la gajan "Muñeira"-n, oni konstatas ke ĝia influo estas suda, penetrinta en tiun medion por doni al ĝi plian ĝojon.

"Muñeira" estas galega vorto, kiu signifas muelistino kaj kiun oni aplikas al tipaj danco kaj kanto galegaj. La melodio de la "muñeira" similas tiun de la skotaj "highlanders", kaj ĝin akompanas sak-fluto kaj tambureto.

Jen galega grupo.



Alia aspekto de folklora galega prezentado.

## NEĜULINO

La princo uzis bluan veston kiel decas al vera princo. Aŭdinte ploradon meze de arbaro li proksimiĝis vidi tiun kiu ploras.

La ploradon estigis la sep nanetoj, kiuj priploris la strangan dormadon de Neĝulino kiu estis manĝinta iun pomon.

Pridemandite de la princo, la sep nanetoj eksplikis, inter kortuŝaj singultoj, ke jam neniu povos veki la kompatindan knabinon.

Li —post ol li atente rigardis ŝin kaj konstatis ke ŝi estas treege bela, parolis kun reĝa aplombo.

—Mi povas veki ŝin —li diris; sufiĉos ke mi kisu ŝiajn lipojn.

Kuraĝigite, la sep nanetoj petegis de la princo ke li tion faru. Kaj li deseliĝis de sur la blanka ĉevalo, proksimiĝis al la dormanta knabino, karesis tiun palan kaj belegan vizaĝon, kaj kisis ŝin.

Li kisis ŝin. Li kisadis ŝin.

Sed Neĝulino ne vekiĝis, spite la magian kaj longan kisadon de la princo.

Iom poste la princo foriris. Konfuzite, sed ne venkite, kaj dirante:

—Ne povas esti. Morgaŭ mi revenos kaj provos denove.

Tiam Neĝulino leviĝis el la florlito por iri pretigi la manĝaĵon de l' nanetoj.

Kaj la sekvan tagon ŝi denove ŝajnigis sin dormanta...

ERGOTO DE BONAERO

## EUGENIO HERRERA OCHOA DE ALDA

Con sorpresa y pena hemos recibido la triste noticia del fallecimiento en Bilbao de nuestro compañero D. Eugenio Herrera y Ochoa de Alda.

Aun cuando conocíamos la grave enfermedad que le aquejaba, no por eso la noticia de su muerte ha dejado de sorprendernos ya que no creimos fuera tan rápido su fin.

Con la muerte del Sr. Herrera el Grupo Esperantista de Bilbao ha perdido uno de sus activos miembros y todos hemos perdido a un colaborador y amigo.

Descanse en paz nuestro querido compañero y dediquémosle un piadoso recuerdo a su memoria.

Para su familia y para el Grupo Esperantista de Bilbao nuestra más sincera condolencia.

## LUIS DE BARANDIARÁN Y RUIZ

Casi repentinamente falleció el 17 de mayo, en Neguri (Vizcaya), D. Luis de Barandiarán y Ruiz, padre de nuestro amigo y compañero D. Luis M.ª de Barandiarán y Sarachaga, Vicepresidente del Grupo Esperantista de Bilbao.

Hace apenas cuatro meses que comunicábamos en nuestras páginas el fallecimiento de la esposa del estinto. Con pena reiteramos nuestro pésame a su hijo y demás familia, a la vez que dedicamos una oración por el eterno descanso del finado.

# KIAM LA HOMO HAVAS ION DIROTAN:

Se certe kaj aktuale la ludon je "Nacia Loterio" oni praktikas dum la tuta jaro, en la Kristnaska Loterio partoprenas preskaŭ ĉiu persono, kaj tio motivas, la facilan ekkonon de la karaktero de ĉiu ludanto.

Vi vidos la homon, kiu invitinte siajn amikojn partopreni en sia privata numero, volus ke ilin favoru la "unua premio".

L' optimiston, kiu monludante po 5 pesetoj, pensas povi aranĝi por ĉiam sian estontecon.

L' egoiston, kiu aĉetinte biletdekonon al neniu diras pri ĝi, kaj volus esti la nura favorito.

L' ambiciulon, kiu ekvidinte loterinumeron aĉetas ĝin por povi akapari ĉiun eblan premion.

Kaj ankaŭ la kanajlon, kiu proponas al konatoj akiri loterian bilettalonon kun dudekkvin pro cento kaj ne aĉetis antaŭe la necesan numerparton.

Ekster tiaj ekstremoj, ni pensas, ĉu ĉiu el ni agus bone en okazo de favoriteco?

Dum la proksimaj tagoj al efektivigo de la Kristnaska Loterio oni faras grandajn projektojn: "Se min trafus la unua premio; mi aĉetus aŭtomobilon". "Do mi farus vojaĝon tra aliaj landoj". "Mi akirus vilaon apud la marbordo". "Do, mi, eklasus flanken la ĉiutagan laboron".

Ĉiam la egoista Memo. Necese estus ke ni pripensu iom pli pri la aliaj homoj, kiujn dum tuta jaro ni nomas fratoj, kaj, kiujn ni forigas el nia penso, tuj kiam ni vidas nin riĉaj.

Mi kredas ke se iam la sorto donus al ni la *plej grandan premion*, ni al ni devus demandi antaŭ ĉio, "Kian kvanton mi destinos por la malriĉuloj, kiujn mi konas?" Kiamaniere mi favoros ilin ke ili ne sentu sin humiligitaj?

Nur tiel ni povas esperi vidi tiun ĉi mondon pli bona, se ĉiu el ni verŝas en ĝin Amon... kaj ion pli.

*Blanch*
El kataluna lingvo
Trad. Bohigas Ferrán

## EKSPOZICIO VILHO SETÄLÄ

Ekspozicio pri la vivlaboro de Vilho Setälä, pioniro de la finna Esperanto-movado kaj honora membro de UEA, malfermiĝis okaze de lia 80-jara datreveno la 4-an de aprilo 1972, en studio de la Fotomuzeo en Helsinki. La ekspozicio ampleksis lian sciencan, fotografian, literaturan kaj pedagogian laboron kaj inkluzivis dokumentojn pri lia Esperanto-agado de 1906 ĝis hodiaŭ, liajn Esperanto-lernolibrojn, esperantologiajn studojn kaj originalajn kaj tradukitajn verkojn en la Internacia Lingvo.

## ESPERANTO EN NOVA UNIVERSITATO

Esperanto estas unu el la regulaj studobjektoj en nova "Sendependa Universitato de Aŭstralio" en Morwell, Victoria, Aŭstralio. La direktoro de la nova universitato, s-ro I. T. Maddern, estas la loka delegito de UEA. Sian aktivecon li pruvis ankaŭ per tio, ke en la lastaj monatoj, reage al la nova varbokampanjo de UEA, li varbis 26 novajn membrojn-abonantojn inter la loka studentaro.

## HONORIGO AL LA PREZIDANTO DE UEA

La prezidanto de Universala Esperanto-Asocio, prof. d-ro Ivo Lapenna, ĵus ricevis novan honorigon: honoran doktorecon de la Universitato Fort Lauderdale en Florida, Usono. La honora doktoreco —pri internaciaj rilatoj— estas aljuĝita pro la scienca laboro de prof. Lapenna sur la kampo de internaciaj rilatoj, inkluzive liajn verkojn pri la lingva problemo, kaj pro lia multjara laboro kaj atingoj por progresigo de la Internacia Lingvo.

## 7.500 GLD. DE INSTITUCIO HODLER

Institucio Hodler 68, la fondaĵo starigita de UEA por doni financan subtenon al la Esperanto-movado, ĉi-jare disdonis subvenciojn de entute 7.500 guldenoj. El tiu sumo, 2.400 gld. helpos la pluan aperigadon de la plurlingva revuo "La Monda Lingvo-Problemo", 1.500 gld. helpos pagi membrokotizojn de UEA por personoj en netranspagipovaj landoj, 1.400 gld. subvencios partoprenon de elektitaj studentoj en la Someraj Universitataj Kursoj en Belgujo kaj 1.200 gld. subtenos la eldonon de la granda portugala epopeo *La luzidoj* en Esperanto. La Akademio de Esperanto denove ricevas 1.000 gld.

# ESPERANTO - GRUPO MOYA

Meze de junio nia Grupo havis la agrablan viziton de kvar gepoloj, kiuj unuan fojon venis al Hispanujo. Estis geedzoj Wanda kaj Kalmedar KENDZIA kaj du amikoj, el urbeto Pruszków apud Varsovio.

Ni akompanis ilin por viziti Montserrat, Barcelona kaj aliaj tipaj lokoj, kaj la 16-an de junio vespere ĉe nia Grupejo okazis interesa kunveno al kiu partoprenis niaj gemembroj kaj multaj lokaj gevilaĝanoj. S-ro Kendzia prezentis belajn kolorajn diapozitivojn pri Pollando lerte klarigante ilin. Poste en amika rondo li respondis ĉiajn demandojn pri la nuna Polujo.

La kunveno estis ege altnivela kaj interesa kaj ĉiuj partoprenintoj sincere gratulis la organizadon. Plian fojon montriĝis la granda valoro de nia lingvo.

# OMAĜE AL PIO BAROJA

*Okaze de la centjara datreveno de la naskiĝotago de la fama hispana aŭtoro Pío Baroja, kelkaj anoj de "Frateco", Zaragoza, omaĝis la grandan verkiston per la jena kolektiva traduko de unu el liaj delikat-sentaj rakontoj:*

## MARI BELCHA

Kiam vi restas sola ĉe la pordo de la nigra biendomo kun via frateto en la brakoj —pri kio vi pensas, Mari Belcha, rigardante la forajn montojn kaj la palan ĉielon?

Oni nomas vin Mari Belcha, María la Nigra, ĉar vi naskiĝis en la tago de la Tri Reĝoj, ne pro io alia. Oni nomas vin Mari Belcha, kvankam vi estas blanka kiel la ŝafidetoj, kiam ili elrampas el la lavujo, kaj blonda kiel la spikoj oraj de la somero.

Kiam mi preterpasas surĉevale antaŭ via domo, vi vin kaŝas de mi, de la maljuna kuracisto, de la unua persono, kiu vin ricevis en siaj brakoj en la frida mateno, kiam vi naskiĝis.

Kiel bone mi memoras tiun tagon! Ni atendadis ĉe la fajro de la kameno. Via avino, kun larmoj en la okuloj, proksimigis al la flamoj, por varmigo, la pecojn de la vesteto, kiujn vi devus surporti, kaj ŝi rigardis enpense la fajron; viaj onkloj el Aristondo parolis pri la vetero kaj la rikoltoj; por observi vian patrinon, mi ofte eniris en la etan dormoĉambron, de kies plafono pendis, interplektitaj, kapoj de maizo, kaj, dum via patrino ĝemadis, kaj via patro, la bonkora José Ramón, prizorgis ŝin, mi rigardis tra la fenestro la monton plenan de neĝo kaj la aron da turdoj traflugantaj en la aero.

Fine, post ol vi igis nin longe atendi, vi venis en la mondon ploregante. Kial la homoj ploras, kiam ili naskiĝas? Ĉu eble, ĉar la nenio, el kie ili venas, estas pli dolĉa ol la vivo ilin atendanta?

Kiel dirite, vi aperis kriegante, kaj la Tri Reĝoj, antaŭsciintaj pri via alveno, metis unu duron en la ĉapeton kovrontan vian kapon. Eble temis pri la sama duro, kiun mi antaŭe ricevis, kuracinte vian patrinon...

Kaj nun vi kaŝas vin, kiam mi pasas sur mia kaduka ĉevalo! Ha, sed ankaŭ mi kaŝiĝas inter la arboj kaj rigardas vin... ĉu vi scias kial? Vi ridus, se mi dirus al vi... Mi, la kuracisto, tiel aĝa, ke mi povus esti via avo; jes, efektive, se mi dirus al vi la kialon, vi ridus.

Vi ŝajnas al mi tiel bela! Oni diras, ke vi havas la vizaĝon suntanita, ke via brusto vidiĝas glata; eble tio estas vero, sed kompense viaj okuloj havas la serenon de la pacaj krepuskoj de la aŭtuno, kaj viaj lipoj, la koloron de la papavetoj kreskantaj en la blondaj kampoj de tritiko.

Krome, vi estas bona kaj afabla. Antaŭ kelkaj tagoj, la pasintan mardon, kiam okazis la foiro, ĉu vi memoras?, viaj gepatroj estis for, en la vilaĝo, kaj vi promenis en la bieno kun la frateto en la brakoj.

La infano malbonhumoris, kaj vi klopodis lin distri, montrante al li la bovinojn: *Gorriya* kaj *Beltza,* kiuj paŝtiĝis gaje snufante, peze trotante ien kaj tien ,dum iliaj longaj vostoj vipis al ili la krurojn.

Vi diris al la paŭtema infano:

—Jen *Gorriya*... tiel stulta... kun tiaj kornoj... demandu vi mem, kara, kial ĝi fermas siajn okulojn tiel grandajn kaj senesprimajn... Ne movu la voston, *Gorriya*...

Kaj *Gorriya* proksimiĝis al vi, rigardis vin per siaj tristaj okuloj de remaĉulo kaj antaŭenŝovis la kapon, por ke vi karesu ĝian frunton.

Poste vi proksimiĝis al la alia bovino kaj diris, montrante ĝin per la fingro:

—Jen *Beltza*... Hm!... Kiel nigra!... Kiel malica!... Ni ne amas vin. Ni amas *Gorriyan*.

Kaj la infaneto ripetis kun vi:

—Ni amas *Gorriyan*.

Sed poste, li subite memoris, ke li devas malbonhumori, kaj komencis plori.

Ankaŭ mi, ne sciante kial, komencis plori. Verdire, ni, maljunaj, havas en la brusto infanan koron.

Poste, por silentigi vian fraton, vi helpis al vi per la brupetola hundeto; per la kokinoj bekantaj la grundon post la danda koko; per la stultaj porkoj, kurantaj ien kaj tien.

En la okazoj, kiam la infano silentiĝis, vi restis enpensa. Viaj okuloj rigardis, sen vidi, la bluajn, forajn montojn; la blankajn nubojn, kiuj glitis tra la pala ĉielo; la sekajn foliojn, kiuj kovris la grundon; la nudajn branĉojn de la arboj... kaj vi vidis nenion.

Tamen, ion vi vidis, sed en la interno de la animo, en la misteraj regionoj, kie fontas la amoj kaj la revoj...

Hodiaŭ, pasante, mi vidis vin eĉ pli plena de zorgoj.

Sidante sur trunko de arbo, absorbite, vi maĉis nervoze folion de mento.

Diru, Mari Belcha: pri kio vi pensas, rigardante la forajn montojn kaj la palan ĉielon?

El la hispana: kvin ge-Fratecanoj

---

KONKURSO SIMONDETTI
p/a Manuel Halvelik
Gebr. Blommestraat 41/0
B - 2200 BELGIO

Ĉiujare la Ornitologia Rondo Esperantlingva (ORE) aljuĝas sian Premion Simondetti, en valoro de *1.000 BF* (20 us. Dolaroj), al elstara artikolo originala aŭ tradukita, pri la tre ĝenerala temo "Naturo". Por 1972 partoprenis en la konkurso ĉi sekvaj tri kandidatoj, el kiuj la unua nete gajnis:

L. K. Hunnes el Norvegio kun "La granda Aŭko".

R. de Roover el Belgio kun "Bubuĉjo, la Noktuido".

J. Lazauskas el Litovio kun "Urogalo en Litovio".

Ĉiuj partoprenantaj artikoloj aperas konforme al la regularo en "La Mevo", organo de ORE, kaj rajtas pritrakti iun ajn best(ar)on aŭ plant(ar)on. Kandidatoj por la konkurso 1973 bonvolu peti regularon al la sekretario M. Halvelik.




# 32 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Organizado por la Federación Española
de Esperanto en Vigo (Pontevedra)
del 20 al 25 de julio de 1972



Dirección del
Comité Organizador:
Apartado 555. VIGO

# PROGRAMA

*Jueves 20*

**19,30 h.** Recepción de los señores congresistas y familiares en el Salón Regio del Círculo Recreativo, Mercantil e Industrial (Sede del Congreso). Entrega de los documentos y agasajo con un Vino Español, ofrecido por tan prestigiosa Sociedad.

*Viernes 21*

**10,30 h.** Misa en Esperanto, oficiada en la Santa Iglesia Concatedral de Santa María de Vigo.

**11,30 h.** Apertura Oficial del Congreso, en el auditorio de la Caja de Ahorros Municipal de Vigo.

**16,— h.** Reunión por separado de las distintas secciones de F.E.E., en la Sede del Congreso.

**17,30 h.** Reunión de la Junta Directiva de la Federación con los Delegados de Grupos y Secciones en la Sede del Congreso.

**19,— h.** Visitas a la ciudad: Miradores panorámicos, Monte de El Castro y la Guía.

**22,— h.** Baile para la Juventud congresista en los salones de una sociedad cultural recreativa.

*Sábado 22*

**10,— h.** Viaje marítimo por la Ría y visita a la fábrica de conservas "Masso" con obsequios y almuerzo patrocinado por el Sr. Presidente Honorario y tan prestigiosa fábrica conservera, considerada como la mejor de Europa.

**18,— h.** Conferencia en Esperanto en el Círculo Mercantil e Industrial sobre el tema "Europeismo", a cargo de D. Pedro Nuez, de Barcelona.

**19,30 h.** Proyección de diapositivas con comentarios por D. Pedro Nuez.

**22,— h.** Festival en honor de los congresistas, patrocinado por el Excmo. Ayuntamiento, en el "Parque de Quiñones de León", con actuación de un grupo folklórico gallego.

*Domingo 23*

9,30 h. Excursión al Monte Santa Tecla (La Guardia), con salida del barrio típico marinero de el Berbés, visita a las playas del litoral. Misa en el Templo Votivo del Mar (obra artística del genial arquitecto Palacios, autor del Palacio de Comunicaciones de Madrid), Bayona, con visita al Parador de Gondomar. La Guardia y subida al Tecla, con almuerzo típico gallego; regresando a Vigo por Tuy y Porriño.

*Lunes 24*

9,— h. Junta General de la Federación Española de Esperanto.

12,— h. Visita al Museo Quiñones de León y recepción por el Excmo. Ayuntamiento con un Vino Español.

16,— h. Sesión Académica sobre el Esperanto.

16,— h. Exámenes.

17,— h. Sesión Juvenil.

18,30 h. Conferencia en Español en el Círculo Mercantil e Industrial, sobre el tema: "El idioma Esperanto y su difusión", a cargo de D. Arturo Moreira, de Vigo.

20,— h. Solemne Clausura del Congreso en el Salón Regio del Círculo Recreativo, Mercantil e Industrial.

21,— h. Homenaje del Grupo Esperantista de Vigo a D. Salvador Oliván (Padre del Esperanto en Vigo) y entrega de distinciones a los favorecedores del Congreso, con actuación de un grupo folklórico gallego. A este acto se adhiere la Federación Española de Esperanto y el Congreso.

22,30 h. Banquete oficial en el Hotel Bahía, con baile al final de la cena.

*Martes 25*

Excursión a Santiago de Compostela, con visitas a Villagarcía de Arosa y La Toja.

## 57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29.ª, 7 ĝis la 5.ª, 8, 1972
Sub la Alta Protektado de Governor Tom McCall
Estro de la ŝtato Oregon

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto Federacio.
Statistiko (15, 5, 1972).
750 aliĝintoj el 38 landoj (Hispanoj 12).

Jen nova rubriko de nia BOLETIN; per ĝi mi klopodos informi pri ĉio interesa, kurioza, ekstravaganca, diskutinda kaj amuza aperanta monaton post monato en la paĝoj de la diversaj revuoj, revuetoj, folioj kaj folietoj, kiuj cirkulas en Esperantujo.

Kompreneble, mi mem, ne la redakcio, respondas pri la kompilo de la materialo kaj pri ties komentado, do la eventualaj fuŝoj, misoj, aĉoj kaj fioj enŝoviĝontaj ĉi tien havos nur unu kulpulon: la subskribanton.

Kiel decas al neŭtrala revuo, mi tenos min skrupule senpartia rilate al aferoj politikaj kaj religiaj, kvankam mi ne estos fremda al etikaj demandoj. Mi skribos la rubrikon sub la devizo: "humure, ne amare" kaj miajn kritikojn kaj observojn mi prezentos, forfrotinte de ili ĉian malicon.

Kaj nun, jam atentu, ĉar la procesio ekiras...

ESPERANTO, junio 1972, prezentas riĉan kaj interesan enhavon: "Kabe Centjara" de Kalocsay, "Kien la angla?" de Don Harlow, ktp. En "Esperanto, ĉu pli riĉa ol naciaj lingvoj?", mi lernas de ĝia aŭtoro, S-ro A. Vaitilavičius, ke ni, hispanlingvanoj, uzas apartan vorton por la nocio "trinki kafon". Al mi tre plaĉus koni ĝin. Ĝis nun mi ne sciis pri la ekzisto de tiel mistera vorto. S-ino Clelia Conterno faras recenzon de "Cigana Romancaro" kaj protestas pro la "nenecesa" uzado de neologismoj kaj maloftaj vortoj. Fakte, eĉ ne unu neologismo sidas en la libro, kaj se ŝi aludas la tiel nomatajn "poeziajn" vortojn, mi miras, ke ŝi, kiel poetino, ne komprenas, ke sen tiaj "neologismoj", *tute neeblas*, en la strikta korseto de oksilabaj versoj, fari fidelan kaj artisman version de la romancoj. Aliflanke, s-ino Conterno en sia *Eta Vivo*, kiu estas originala poemaro, kaj kiun ŝi estus povinta verki, uzante nur oficialajn vortojn, nekonsekvence neologismumas kun facila animo per, interalie, *tepida, vakua, envulti, febla, poltrona, hurli, negi, sukubo, horora, lanta, adoleska, obskura, povra, morna, trista, rodi, erodi, ronĝi,* kaj tiel plu, kaj aldone ŝi regalas nin per almenaŭ unu *vera,* kaj neklarigita, neologismo: *asalto* en la paĝoj 23 kaj 41. Sinjorino, se vi ne komprenis la romancojn, pri tio kulpas vi mem, ne la kompatindaj neologismoj; ne serĉu propekan kapron.

---

En HUNGARA ESPERANTISTO, majo 1972, D-ro I. Nagy skribas: "Kun laŭta propagando ni fanfaronas pri 112 fakvortaroj, sed kie ili troviĝas? Kie ili estas aĉeteblaj? En kiuj lingvoj ili aperis? (Esperanto kaj angla aŭ franca aŭ...) Kiam?" Ne faru al vi klopodojn, doktoro. Tiel granda nombro da fakvortaroj ekzistas nur en la febra fantazio de kelkaj entuziasmuloj, kiuj prenas por faktoj tion, kio estas apenaŭ bonaj deziroj.

---

En SENNACIECA REVUO ĉi-jara, la talenta Sándor Szathmári subskribas brilan kaj kuraĝan artikolon pri la senco kaj esenco de "La tragedio de la homo", fama hungara verko majstre tradukita de Kalocsay. Se mi disponus sufiĉan lokon, mi kopius ĝin tute ĉi tie.

---

Ekzistas personoj vere emociiĝemaj. En artikolo aperinta en ESPERANTO EN SKOTLANDO (somero 1972) pri veteranino f-ino Jennie D. Wilson, oni diras: "Unu el la plej belaj memoroj per Esperanto por f-ino Wilson estis la sponta ekdiro de s-ro Buchanan: "Ha, fraŭlino, kian belan ĉapelon vi portas hodiaŭ!" Ŝi preskaŭ svenis pro konfuzo, surprizo kaj plezuro pro la neatendita komplimento." Kio estus do okazinta, se li komplimentus, ne la ĉapelon, sed *ŝin*? Subita kaj definitiva kolapso?

---

THE BRITISH ESPERANTIST estas unu el niaj plej bonaj revuoj. En la numero de junio 1972 aperas interalie interesa artikolo de Anna Z.: "Krizo kaj espero", la klaĉa-plaĉa "Aliflanke", de Dermond J. F. Quirke, de kies akraj mordoj Dio min gardu, kaj la poemo "Strofoj el Skotlando", de Albert Goodhier, kiu plaĉ-efekte uzas asonancojn en siaj versoj.

---

La simpatia LA MIGRANTO, oficiala ligilo de la Esperantistoj Naturamikoj, eldonita de la turisma asocio "La Naturamikoj" prezentas en sia numero 52, 1972 (2), belan planon, por ke niaj infanoj atingu la jaron 2000 sanaj je spirito kaj korpo":

1. malhelpi al la gvidantoj de la ekonomio ilian danĝeran agadon, kiu pro momentaj avantaĝoj venenas la aeron, la akvon, la grundon kaj la nutraĵojn.

2. fiksi per leĝoj, ke la arbaroj, same kiel la aero kaj la akvo, ne povas esti uzataj de unuopuloj damaĝe al ĉiuj aliaj.

3. malebligi, ke la sano kaj la vivo iĝu negocoj de ĉiuj kontraŭ ĉiuj.

4. konsciigi al la sciencistoj kaj politikistoj, kiuj ludas per atomaj bomboj kaj nervovenenoj, kiel nepri-respondece ili agas kontraŭ la tuta homaro.

Belega plano, amikoj naturamikoj... se ĝi nur povus efektiviĝi! Mi timas, ke niaj povraj infanoj frontos grandiozan kaĉon faritan el polucio kaj tropoliĝo.

---

En la INFORMILO DE INTERNACIA ESPERANTO MUZEO EN WIEN, majo 1972, D-ro K. Beckmann subskribas artikolon, kiu gajnigus al sia aŭtoro la titolon "plej distingita Esperantisto pesimisto de la jaro". Jen la unua alineo: "Kutime la esperantistoj diras, ke la venko de ilia afero konsistos en tio, ke Esperanto fariĝu la dua lingvo de ĉiu civilizita persono. Sed laŭ mia ĝis nun akirita batala sperto kaj laŭ mia samtempe gajnita ekkono de la tipa sinteno vidalvide de racie moralaj problemoj, tiu celo montriĝas tiel malproksima, ke pli ol ĝia eventuala atingo verŝajnas antaŭa pereo de nia tuta kulturo." Eble vi pravas, d-ro Beckmann, ĉar neniu nobla ideo iam venkis en la mondo; tamen la fakto, ke oni batalas por alta idealo, eĉ se ĝi montriĝos utopia, estas per si mem sufiĉa rekompenco, ĉu ne?

---

Ni kore gratulas niajn hungarajn samideanojn pro la vere vasta kampo de iliaj kulturaj interesoj, ĉar, laŭ anonceto aperinta en LA SUDA STELO, 1971, 6, eldonata de la Jugoslavia Esperanto-Ligo, la Scienca Rondo, Studenta Universitato ELTE, Budapest, Hungarujo, petas, ke tiuj, kiuj serioze interesiĝas pri FEK-instruado, sin turnu al la dirita adreso. Eminente amuzan kaj petolan koboldon presejan vi havas, amikoj "sudstelanoj"!

Kaj nun, karaj amikoj, ĝis la proksima rikolto.

F. de Diego

## BOLETIN CULTURAL INFORMATIVO

### Medicina y Cirugía Auxiliar

Siempre nos causa satisfacción el recibir artículos aparecidos acerca del Esperanto o de su creador en diarios o revistas no esperantistas. Esta vez, por tratarse de una revista profesional considero de mayor interés el artículo, máxime, siendo una profesión: la Medicina, a la que tan útil puede ser el Idioma Internacional, y en la que poco a poco, pero con paso firme el Esperanto va adentrándose.

El artículo firmado por Miguela Malón Fanero, Colegiada núm. 2.914, empieza diciendo:

"Pronto, muy pronto, nuestro querido Colegio Oficial de Practicantes y Ayudantes Técnicos Sanitarios tendrá, estrenará, un nuevo edificio del rango y la categoría que él se merece. Valencia, preocupada siempre por honrar a toda suerte de científicos, artistas e intelectuales universales, cualquiera que sea su nacionalidad, ha dado a esta moderna vía de la hermosa ciudad del Turia, en donde va a abrir sus puertas nuestro Colegio, el nombre del doctor Zamenhof.

Justo es recordar con este motivo la figura de este gran humanista y eminente cirujano oftalmólogo polaco, sin duda, no obstante, poco conocida para muchos."

Después de una presentación del doctor Zamenhof, la articulista termina diciendo:

"...Hoy, Valencia, en vanguardia de la cultura, enamorada de todo lo bello y grandioso, honra al doctor que soñó con destruir para siempre las fronteras idiomáticas de esta Babel que es el mundo. Acaso porque Valencia recibió la visita del sabio hace más de cuarenta años, y hasta hace poco ha vivido en su ciudad un valenciano operado de manos del ilustre oftalmólogo.

Esperanto significa *esperanza*. Nombre revelador, lleno de posibilidades, que Dios quiera acompañen a nuestro querido Colegio valenciano en lo venidero."

Nuestros mejores deseos para el Colegio Oficial de Practicantes y Ayudantes Técnicos Sanitarios de Valencia y en especial para su Colegiada núm. 2.914.

Red.

## SIGNO KOMPRENIGAS

Por tuja komprenigo pli valoras simbolo ol skribita vorto. Tiel argumentas Henry Dreyfuss, kompilinto de 8.000 signoj universale kompreneblaj, kiujn listigas lia "Symbol Sourcebook" (Fontlibro de Simboloj) ĵus eldonita en Usono. Dreyfuss (industria desegnisto) kolektis sian materialon el fontoj tiel diversaj, kiel la muzika signaro, astrologio, matematiko, signoj faritaj de vaguloj por transdoni informojn al siaj kolegoj, kaj la modernaj industrio kaj komerco.

## LA LINGVA PROBLEMO KAJ LA KANADAJ ELDONISTOJ

La vasteco de la lando kaj la malmulta denseco de ĝia loĝantaro kreas multajn problemojn por la kanadaj eldonistoj, kaj tiuj problemoj estas pli vastaj pro la malesto de librovendistoj en multaj malgrandaj urboj, kie la distribuo dependas tute de la "drugstores" kaj de la kioskoj de ĵurnaloj. Ĉar ĝi posedas du kulturojn, Kanado posedas same du libro-industriojn. La problemoj de la du grupoj de eldonistoj ne estas samaj, kaj la kontatoj inter ili estas maloftaj. La eldonistoj de Montreal (franclingva) malofte tradukigas kaj distribuas verkojn de kanadaj anglalingvaj aŭtoroj (eldonitaj en Toronto). Same maloftaj estas la firmoj de Toronto, kiuj havas intereson pri la verkoj de kanadaj aŭtoroj franclingvaj, kvankam oni lastatempe konstatas ioman pliboniĝon de la situacio.

## LA LITERATURA TRADUKPROGRAMO DE UNESKO

La Literatura Tradukprogramo de Unesko sin dediĉas traduki en "lingvojn de vasta difuzo" (ekz. angla, franca) la literaturan heredaĵon de "lingvoj malmulte konataj ekster la propra kulturo", kaj kiel parton de ĉi tiu programo, Unesko jam komisiis aŭ aprobis la eldonon de verkoj tradukitaj el tiaj lingvoj, kiel la papua, svis-romanĉa, islanda, kelkaj hindaj lingvoj kaj, lastatempe, sefarda-juda.

## LA PESTO DE LA POLUCIO ATINGAS AFRIKON

Kelkajn aspektojn de ekologia difektigo oni pritraktas en diversaj proponoj, kiujn nun studas afrikaj registaroj. La proponojn oni faris dum seminario, kiun organizis Unesko, kaj kiu okazis la pasintan decembron en Nairobi. Ekspertoj el dek du landoj, kunveninte en Nairobi rimarkigis, ke la malbonigo de la afrikaj flaŭro kaj faŭno rezultas ĉefe el malsaĝaj agrikulturaj kutimoj, kiujn oni praktikas jam dum multaj jaroj. Aldone al ĉi tiuj malfavoraj faktoroj, aliaj tipoj de danĝeroj al la medio lastatempe rimarkiĝis en Afriko, nome la polucio de la aero, akvo kaj grundo pro la uzo de venenaj, kemiaj kontraŭpestaĵoj.

## STUDOJ PRI LA MALBONAJ EFIKOJ DE APARTISMO

La minaco pri perforta konflikto interrasa en Sudafriko estas des pli grava pro la fakto, ke la subpremita popolo de tiu lando nun konvinkiĝis, ke ĝiaj rajtoj estas atingeblaj nur per armita lukto kaj subteraj aktivecoj. Jen la konkludo de specialistoj de Unesko el iliaj studoj pri tio, kiel aplikiĝas la politiko de apartismo de la Sudafrika registaro. Unesko ĵus publikigis tiujn konkludojn en reviziita kaj pligrandigita dua eldono de sia raporto pri "Apartismo, ĝia Efiko je Eduko, Scienco, Kulturo kaj Informado", unue eldonita antaŭ kvin jaroj.

La libro estas rezulto de studoj efektivigitaj de la sekretariato de Unesko laŭ peto de Unuiĝintaj Nacioj. Ties celo, laŭ la libro, estas frontigi la praktikon kaj politikon de la Sudafrika registaro "al diversaj internaciaj normoj de konduto, al kiuj Unesko estas kaj leĝe kaj morale dediĉita".

La studo montras, ke en Sudafriko oni utiligas la edukpolitikon por puŝi afrikanojn en la plej malaltajn poziciojn en la socio. Tamen, estas ne nur la afrika loĝantaro, kiu influiĝas: ĉiuj infanoj, negrave de kiu koloro, suferas doktrinigon per ideologio, kiu estas al la moderna mondo tute neakceptebla.

(Laŭ Unesco Features kaj Informa Servo de UEA).

TIP C BOLOIX · REINA FABIOLA, 7 · ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63